# ilera
# bulteno n-ro 69

Redatis: PY3DF - Novembro 2007

Internacia Ligo de Esperantistaj RAdioamatoroj

## ILERA JARKUNSIDO – 2007
## 92-a UKE, Jokohamo, Japanio
## Salono Nitobe, la 10-an de aŭgusto, 09h00-09h45

**SUBSKRIBIS LA LISTON DE PARTOPRENINTOJ**
(laŭ ordo de subskribo):

KN-149 JA1FXZ ja1fxz@yahoo.co.jp
KN-647 DF7TZ K.H.Schaeffer@gwx.de
KN-236 7L4JHL motokonakajima@hotmail.com
KN-1218 7N4XSZ Ĵunko Suzuki
KN-694 7N4FXD kanjon2@yahoo.co.jp
KN-229 JR6EJB sed.kibe@jcom.home.ne.jp
KN-305 JF3NMU yamskir2@ybb.ne.jp
KN-1825 HL1ODL amiko@chol.com
KN-715 JF8TLS kio@ninus.ocn.ne.jp
KN-227 JO1JAM Sunjo
KN-119 7N4MPZ Anjo
KN-1108 - Haruko Mochizuki
KN-1491 KE3XN SimpsonDG1325@aol.com
KN-230 7K1SBJ bruajmontaroj@yahoo.co.jp
KN-531 PY3DF marobin@marobin.net
KN-1802 DJ4PG dj4pg@t-online.de
KN-1809 JI2OCH j6@cup.com
KN-280 - Sasanuma Kazuhiro
KN-781 JI3GKA pukj20840@zeus.conet.ne.jp

**ĈEESTIS LA UKE, SED NE PARTOPRENIS LA JARKUNSIDON**

F5RC, KA3VYX, I6CXD, I6ONE, EA5FVF

**SALUTOJ**

Hans, DJ4PG, (iama JH1ZXW), vicprezidanto, malfermas la kunsidon kaj salutas la ĉeestantojn. Hans opinias, ke por allogi pli da partoprenantoj oni devus oferti manĝadon kaj trinkadon dum la kunsido. Li rimarkas, ke oni ne havas oficiala(j)n gasto(j)n. Sekvas la salutoj de Lenio,PY3DF, ĝenerala sekretario, kiu transdonas ankaŭ la salutojn de Wolf, DL1CC, prezidanto, kaj Ian,G-SWL, kasisto.

**SINPREZENTOJ**

La ĉeestantoj sinprezentas per nomo kaj voksigno. Kelkaj faras komentojn pri siaj aktivecoj. Karl-Heinz,DF7TZ, senkulpigas sin pro neregula apero sur la bendoj kaŭze de teknikaj problemoj ĉe li. Li diras, ke al li eblas uzi ankaŭ ECHOLINK kaj SKAJPON. Post la sinprezentado, Jojo, JA1FXZ, parolis, kaj bonvenigis nin ĉiujn al Japanio. Li diris, ke li aranĝis la starigon de la kongresa stacio, kaj invitis ĉiujn ĉeesti la stacion post la kunsido. Hans, DJ4PG, aldonis, ke nia grupo hodiaŭ ĉeestanta estas tiuj, kiuj ankoraŭ aktivas. Li ankoraŭ diris, ke la kvalito de radioamatorismo ŝanĝiĝis multe. Li diris, ke unue li mem muntis stacion, kaj estis granda atingo paroli al Aŭstralio, kaj nun ĉiuj surstrate povas atingi Aŭstralion. Tio malaktivigas la aktivecon en la etero. Kelkaj ne plu havas stacion kaj antenon. Jojo,JA1FXZ raportas pri ⇨

**ESTRARO**

**Prezidanto:** Wolf Krüger,DL1CC
Postfach 7223
15872 Eisenhüttenstadt, GERMANIO
Tel/Fakso: +49 3364 412946
E-poŝto: dl1cc.wolf@gmail.com

**Vicprezidanto:** Hans Welling,DJ4PG
zum Ortenbrink 42
49205 Hasbergen, GERMANIO
Telefono: +49 5405 699 33
Telefakso: +49 5405 699 31
PR: DJ4PG@DBØSM.#nds.deu.eu
E-poŝto: dj4pg@t-online.de

**Sekretario:** Lenio Marobin,PY3DF/GØOOS
60 Tudor Court
King Henry's Walk
London, N1 4NU, BRITIO
Telefono: +44 20 7249 4737
E-poŝto: marobin@marobin.net

**Kasisto:** Ian Mac Dowall,G-SWL
40 Danehurst Road
WALLASEY, CH45 3JJ, BRITIO
E-poŝto: MacDowallian@aol.com

**Hejmpaĝo:**
http://esperanto.org/internacia/ILERA/

**Yahoo-grupo:**
http://groups.yahoo.com/group/esperanto_amatoroj/

⇨la kongresa stacio. Li diris, ke la kongresa stacio jam funkcias per la voksigno 8J1ESP. Li diris, ke li zorge elektis la voksignon, kiu entenas specialan prefikson por Japanio kaj la sufikson ESP, mallongigo por Esperanto. Li ankaŭ klarigis pri la oficialaj malfacilaĵoj starigi la stacion, sed ĉio bone marŝis kun la helpo de la oficejo de la konstruaĵo, kiu interkonsentis pri speciala loko por la stacio kaj anteno.

**RAPORTO DE LA SEKRETARIO**

Parolis la ĝenerala sekretario, Lenio,PY3DF, dirinte, ke li portas ankaŭ la raporton de la kasisto. Li parolis pri la stato de la membraro, dirinte, ke ne multaj novaj membroj venis al la asocio en la lastaj kvin jaroj, kaj prezentis statistikon. Novaj membroj venis en la jaro 2003: 6; 2004: 2; 2005: 1; 2006: 2; 2007: neniu informo ricevita de Landaj Reprezentantoj. Li ankaŭ diris, ke estas laboro de la ĝenerala sekretario ricevi kaj respondi oficialajn korespondaĵojn, jam ke ILERA aperas en internaciaj medioj kiel Ne-Registara Organizo (NRO). Hans, DJ4PG, diras, ke ĉe UEA ILERA aperas sub la rubriko "Aliĝintaj Organizoj", kaj pro tio oni devas pagi kotizon. Pagi oni devas ankaŭ por havigi salonon dum la UK. Sed li menciis, ke por starigo de kongresa stacio oni ne bezonas pagi. Lenio, PY3DF, informis, ke aliaj institucioj (eĉ neesperantistaj) kelkfoje leteras kaj petas informon pri bulteno, ktp. Li aldonis, ke ne malofte multaj membroj volas kontakti la prezidanton aŭ aliajn membrojn de la estraro kaj sekve leteras al la ĝenerala sekretario anstataŭe. Li diris, ke tio ne gravas, ĉar ĉiuj mesaĝoj atingos la celitan adresiton iamaniere. Kelkfoje, la ĝenerala sekretario mem povas respondi demandon/konsulton, sed tiel same kopio de la mesaĝoj estos sendata al la celita estrarano.

**KASO**

La ĝenerala sekretario prezentis al la ĉeestantoj folion kun konteltiro de la konto de ILERA ĉe UEA, farita de nia kasisto Ian Mac Dowall,G-SWL. Samtempe, dankis al Hans, DJ4PG, pro la malavara donaco farita al ILERA, kiu ege kontribuis por la pozitivigo de la bilanca saldo. La presita konteltiro cirkuliĝis inter la ĉeestantoj. Hans, DJ4PG, diris, ke antaŭ kelkaj jaroj nia forpasinta kolego Jean-Jacques,F6ILR, proponis, ke ILERA ne plu membriĝu al UEA pro la alta kosto de la aliĝo, sed Hans, DJ4PG, diris, ke oni devas resti aliĝintaj al UEA [faka asocio kunlaboranta] por ke niaj informoj daŭre aperu sur la oficialaj komunikaĵoj de UEA (Jarlibro, kongresoj, ktp), kaj li promesis, ke se iam la saldo de la konto de ILERA fariĝus negativa, li kontribuus per donaco por ĝin pozitivigi, kiel li ĝin efektive faris ĉi-jare. Lenio, PY3DF, aldonis, ke unu el la motivoj ĉar la kaso ĉe UEA eventuale fariĝas negativa estas la fakto, ke multaj membroj pagas sian jaran kotizon rekte al Landaj Reprezentantoj (LR), kiuj uzos la monon por fotokopiado kaj sendado de la bulteno al landaj membroj. Tamen, se restos plusa saldo, la LR devus ĝiri almenaŭ unufoje

jare la pozitivan saldon al la konto de ILERA ĉe UEA. Karl-Heinz, DF7TZ, diris, ke ILERA-bulteno ne regule aperas, aldonante, ke post la ricevo de lia ekzemplero li plusendas ĝin al la loka biblioteko de sia urbo Aalen. Lenio, PY3DF, diris, ke li neniam ricevis peton de aliaj bibliotekoj krom de la Internacia Esperanta Muzeo el Vieno, Aŭstrio, kiu senpage ricevas kopion de la bulteno. Li aldonis, ke dum la lasta jaro la bulteno ne aperis, kvankam oficiale ni havas bulteniston, Fritz Lautenbach, DL6FCV. Hans, DJ4PG petas pri ĝisdatigo de listo de ricevantoj de la bulteno. Unue, Landaj Reprezentantoj (LR), poste individuaj listoj de la LR, se ili ne estas kompletaj. PY3DF,Lenio interrompas la sesion dum kvin minutoj por ebligi komunan fotadon, jam ke kelkaj membroj volas forlasi por partopreni aliajn kunsidojn. Post la fotado, Lenio,PY3DF reprenas la parolvicon, kaj revenas al la punkto pri la bulteno. Li diris, ke oficiale ni havas bulteniston, sed la kialoj, kial la bulteno ne aperis dum la pasintaj monatoj ne klare montriĝas. Li aldonis, ke la tasko de bultenisto ne estas nur redakti la bultenon, sed ankaŭ ĉasi novaĵojn. Li diris, ke nia bultenisto iam plendis, ke LR kaj ceteraj membroj preskaŭ neniam sendas novaĵojn. En unu jaro nur unu membro sendis informon. Tio estas bedaŭrinda afero, ĉar estas multaj homoj, kiuj multe vojaĝas al aliaj landoj por partopreni en esp-eventoj. Eĉ se ne temas pri "grava novaĵo", bv. ĉiam sendi raportojn al la bultenisto kaj al Hans,DJ4PG por la YAHOO-grupo. Lenio aldonis dirante, ke kiam Jean-Jacques,F6ILR estis redaktoro, li kaj Jean-Jacques havis privatan aranĝon pri kunredaktado de la bulteno pere de la reto, kaj eĉ la grafikan aspekton de la bulteno oni kutime diskutis. La ideo de kunredaktado povas esti bona ideo, des pli bone ke nuntempe preskaŭ ĉiuj havas aliron al la reto. Lenio aldonis, ke la plej antaŭa sistemo, kiun ni iam havis, ke unufoje la bulteno estis redaktata en unu kontinento aŭ lando sinsekve pruvis esti tre efika. Li diris, ke la originala ideo havi oficialan bulteniston okazis post la alveno de interreto, kopie al la sistemo de la revuo "Esperanto" de UEA, kies redaktoro faras la tuton en iu lando, kaj per la reto sendos la finan produkton al alia lando por presado kaj distribuado. Hans, DJ4PG, diris, ke li mem redaktis la bultenon plurfoje, sed nun pro sanaj problemoj li devas deteni sin repreni la taskon, eĉ se nur por eventuala numero. Li proponas, ke se la bulteno ne aperas YAHOO-grupo povas fariĝi anstataŭanto. Li ankaŭ klarigis, kiel trovi la grupon sur la reto, kaj invitis al ĉiuj ne nur legi, sed ankaŭ kontribui per artikoloj, fotoj, ktp. Sekve, Hans, DJ4PG, demandis, ĉu iu ajn pretas fari la venontan bultenon. Neniu sinanonciĝis.

**KONKURSO**

Hans, DJ4PG, diris, ke 2007 estas jubilea jaro por la konkurso. Li diris, ke dum la jaroj partoprenantoj kreskis, sed nun malkreskas, ĉar multaj ne plu havas stacion, aŭ uzas nur interreton. Li demandis, ĉu oni ĉesigu la konkurson. Neniu apogis la ideon. Lenio,PY3DF, prezentis kelkajn faktojn pri la konkurso. Li diris, ke iam li kontaktis RSGB (Radio Societo de Granda Britio) por ke la oficiala gazeto de RSGB anoncu sur la kalendaro la ILERA-konkurson. Mi klarigis la regulojn, sed RSGB rifuzis akcepti la regulon, ke oni nur uzu Esperanton por interŝanĝi raportojn. Ili opiniis, ke tio diskriminacias parolantojn de aliaj lingvoj, kaj tio kontraŭstaras la spiriton de radioamatorismo. Lenio, PY3DF, prezentis la proponon de Wolf, DL1CC, "por ke oni permesu al aliaj radioamatoroj uzi siajn proprajn lingvojn por interŝanĝi raportojn". Lenio,PY3DF, aldonis, ke se tio okazos, ke almenaŭ la vorto "Esperanto" aperu sur QSL-karto krom la raporto. Li aldonis, ke se oni propagandas la E-diplomon inter neesperantistoj, multaj partoprenos la konkurson nur por akiri sufiĉajn poentojn por la baza diplomo. Hans, DJ4PG, faras la proponon oficiala, kaj submetas ĝin al la ĉeestantoj. Hans kaj Lenio argumentas favore kaj voĉdonis por la ŝanĝo. Ĉiuj aliaj voĉdonis kontraŭ. La propono estas malakceptita. Lenio, PY3DF, diris, ke dum la pasinta konkurso oni uzis telegrafion (CW), kaj la poentoj estis validaj. ECHOLINK: Kelkaj proponas la uzon de tiu maniero por fari kontaktojn dum la konkurso. Hans, DJ4PG, diris, ke la reguloj de la ILERA-konkurso estis bakitaj de li antaŭ multaj jaroj. Li diris, ke ni havas nian propran regularon, kaj opinias, ke la uzo de ECHOLINK eblas por la konkurso. Lenio, PY3DF, diverĝas, kaj preferas la uzon de internacie rekoneblajn regulojn pri dudirektaj kontaktoj. Hans diris, ke duono de la kontaktoj dum la pasinta konkurso okazis pere de ECHOLINK. Sekve, Hans, DJ4PG, demandis, kiu estas kontraŭ la uzo de ECHOLINK dum konkurso. Lenio, PY3DF, kontraŭis. Neniu alia kontraŭis. Junĉo, HL1ODL, intervenas, kaj

prezentas la situacion en Koreio. Li diris, ke post apero de interreto, multaj transiris el la radio al interreto. Jojo, JA1FXZ, petis, ke oni aldonu al la reguloj de la konkurso, ke kontaktojn faritajn pere de ECHOLINK oni kalkulu aparte. Hans, DJ4PG, diris, ke tio estos iom malfacila, kaj klarigis per ekzemplo de kontakto inter VHF kaj ECHOLINK. Li diris, ke li trovas ĉi tiun sistemon komplikan, jam ke oni devas apartigi la poentojn sur la taglibro (radiaj kontaktoj / ECHOLINK). Lenio, PY3DF, kontraŭas la proponon. La ceteraj akceptas. Hans,DJ4PG, kaj Lenio, PY3DF, demandis, ĉu iu havas ankoraŭ ion gravan por demandi/prezenti. Lenio,PY3DF, aldonis, ke li volis persone danki al Jojo, JA1FXZ, pro la organizado, fotado, presado de QSL/informoj ĉe la stacio, kaj ankaŭ pro la organizado de privataj ekskursoj por ILERA-anoj, precipe la neforgesebla surŝipa verspermanĝo. Hans, DJ4PG, petis, ke oni ĉiam aperigu la vorton “ESPERANTO” grandformate sur QSL-kartoj. Lenio, PY3DF, fermis la jarkunsidon kaj invitis ĉiujn al la kongresa stacio, kie eblos ankaŭ pagi kotizojn. La jarkunsido finiĝis per la kutima saluto “ĝis revido en Roterdamo”. [FINO – Redaktita de Lenio,PY3DF].

## Sonĝvojaĝo al Japanio

**Raportas Wolf,DL1CC**

Laŭ invito de japana esperanta radioklubo mi vojaĝis dum kvar semajnoj en Japanio.

Per flugkompanio KLM mi atingis la 21-an de aprilo la flughavenon Tokio-Narita, kie atendis min Jojo,JA1FXZ. Post vizito al la radioklubo JA1YAR ni veturis al Haĉiojo, kaj partoprenis en la kunsido de Esperanto-grupo. Tie mi renkontiĝis kun Sunjo, JO1JAM, konatulino de kelkaj UK.

Sekvan tagon komenciĝis tre interesa vojaĝon norde de Tokio. La unua halto okazis en Yamagata. Post vizito al kunsido mi estis gasto de Kunii Hyotaro, JA7NYB, en Sagae. Ni vizitis montaran banlokon kun varmega akvo. Tio estis por mi nova agrabla sperto, same kiel la pikniko sube de multaj florantaj sakuroarboj.

Post vojaĝo al Kawanishi mi vizitis Muraoka Kenji, JK7NJN. Tie oni montris al mi la tutnaturan agrikulturadon de rizo. Mi admiris la ilojn kaj la specialan ĉambron por preĝado kun figuro de Budho.

En Fukushima akceptis min Yazaki Youko. Post la kunsido de esperanto-grupo ni komune ekskuris al la montaro kaj vidis la floradon de *mizubasho* (blanka mefitbraziko).

La plej norda urbo de mia vojaĝo estis Sendai. Tie mi tranoktis en la domo de Sanpei Keiko. Mi admiris la bonegan kolekton de bonsajoj de ŝia edzo. Klubmembroj montris al mi en la parko specialan teocerimonion, kaj la tuta tago estis plena de interesaj eventoj, interalie partoprenado en kunsido, vizito al akvofalo kaj al botanika ĝardeno.

Reveninte al Tokio mi estis gasto de Sunjo. Tie vizitis nin Joe, 7K1SBJ. Ni havis tre interesan tagon. Sekvan tagon ni veturis al Takaomonto. Per ŝnurvagono ni atingis la superan parton kaj marŝis ĝis la pagodo Jakuoin de la kredoj Ŝintoisma kaj Budhisma. Tie mi fotis la sakeujojn ofertitajn de Naĉo,JR1ISG. Per seĝolifto ni atingis la valon, kie ni bonege manĝis.



La stacio JA1YAR/Ø

La 2-an de majo la partoprenantoj de Verda Lernejo komune veturis al Tagato en la montaro, 200km okcidente de Tokio. Ni loĝis en bonaj lignaj kabanoj. Rapide oni starigis antenon (konstruado laŭ KH6GT) kaj la kluban stacion JA1YAR/Ø. Ĉiutaga abunda programo kaŭzis, ke la tempo rapide forflugis. La frumatena marŝado kun Pego, la vesperaj kulturprogramoj, la ekskursoj al la montoj Njugasa kaj Karei, la vizito al muzeo de muzikmaŝinoj, de granda teleskopo, de la ekspozicio pri astronomio, de la vojaĝo al la lago Sua kun franda fontano, kaj la muzeo de la pentristo Harada, ĉio estis tre interesaj. Grandan dankon al la organizintoj, kaj al ĉiuj 40 partoprenintoj de Verda Lernejo. EKARO estas bona modelo por aliaj landaj grupoj en la mondo.

Granda surprizo por mi estis la vojaĝo al

Handzhou en Ĉinio. Jojo, Sunjo kaj mi vizitis la Landan Reprezentanton (LR) de ILERA en Ĉinio, nian amikon Thai, BA5AA. Thai montris al ni sian belan urbon. Speciale interesa estis la parko, la veturo sur la lago kun vizito al insuloj. En la sekvanta tago ni iris tra malnova vendej-strato. Ni atingis grandan komplekson da pagodoj. Thai bone klarigis al mi la ĉinan kulturon, kaj mi ankaŭ multe lernis pri Budhismo. [Post mia reveno al Germanio mi sukcesis fari bonan QSO-on kun Thai en 14.266KHz. Lia nova stacio bone funkcias].



Vizito al Ĉinio
El Maldekstre: BA5AA, JO1JAM, DL1CC, JA1FXZ, S-ro Li

Denove en Tokio ni veturis al la proksimeco de monto Fuĵi. Senprobleme ni atingis la altecon de pli ol 2.300m kaj fotis la monton. Specialaj travivaĵoj estis por mi ankaŭ la vizitoj al antikva restoracio Gonsuke, Tokio-turo kaj al Sumo-konkurso.

Laŭ ebleco mi partoprenis en regulaj rondoj de EKARO en 21 Mhz kaj 432 Mhz per la kluba voksigno JA1YAR. En Esperanto-kluboj mi prelegis kaj montris videofilmon pri mia hejma regiono.

Grandan gratulon al la organizantoj kaj helpantoj de EKARO pro iliaj bonaj laboroj. Specialan dankon al Jojo,JA1FXZ, al Sunjo,JO1JAM, kaj al ĉiuj aliaj, kiuj ebligis al mi fari tiun songvojaĝon kaj konatiĝi kun multaj novaj geamikoj, kaj kun la orientazia kulturo.

*Ĉu vi jam pagis vian kotizon por la kuranta jaro? Se ne, kontaktu vian Landan Reprezentanton (LR) por informiĝi pri via jara kotizo. Via kotizo estas grava por la subtenado de ILERA. Via LR antaŭdankas vin pro via frua pago! Alternative ĝiru al UEA-konto: iler-a*

# 8J1ESP – Kongresa Stacio

**Raportas Lenio,PY3DF**

Dimanĉe la 5-an de aŭgusto je la 10-a matene, dum la resto de la esperantistaro partoprenis la solenan inaŭguron de la 92-a Universala Kongreso de Esperanto, Jojo,JA1FXZ, Hans,DJ4PG, Lenio, PY3DF, kaj helpanto ignoras la buntajn akcept-paroladojn okazantajn en apuda salono, anstataŭ turnas sin al alia angulo de la granda konstruaĵo Pacifiko-Jokohamo por komenci la starigadon de la kongresa stacio 8J1ESP. Jojo, JA1FXZ, portas la stacion helpe de la postsekvantoj. Temas pri YAESU FT-450M kaj dipolusa anteno (invertita V).



Anteno de 8J1ESP

La loko por la stacio ne povus esti pli konvena en la senco, ke ni estis for de la ĝenerala bruo de la preterpasanta homamaso: angulo de la kongresejo kun vido al la maro, kaj larĝa balkono, kie oni facile povis starigi la antenon. Aro da sofoj kaj mebletoj helpis la komforton de la vizitantoj.

La sperto de Jojo kaj helpantoj minimumigis la starigadon de la antenon per kelkaj minutoj. Jen la aparato estis ŝaltita por la unua fojo en la kongresejo. Kvankam la fona bruo de la kongresa etoso, oni havis bonajn kondiĉojn sur 7Mhz, tamen la respondo de esperantistoj estis nula en la unuaj momentoj. 21Mhz estis pli alloga, kaj ebligis kelkajn kontaktojn al esperantistoj kaj ne-esperantistoj. Propagkondiĉoj ĝenerale ne estis bonaj. Eŭropaj stacioj tute ne aŭdiĝis. Multaj vizitis la stacion, hazarde aŭ ne. Ne-radioamatoroj paŝadis tra la koridoro, kaj e-



Lenio,PY3DF provas 8J1ESP

ventuale trovis strangan aparataron. Malmultaj sciis pri ILERA kaj radioamatorismo. Kelkaj estis allogitaj de la ŝildoj pendantaj sur la muroj de la koridoro. Inter la vizitantoj troviĝis JA1FXZ, DJ4PG, DF7TZ, F5RC [f5rc@yahoo.fr] JM2XCT [karlvonmittendorf@yahoo.co.jp], 7K1SBJ, I6ONE, EA5FVF, I6CXD [i6cxd@libero.it], HL1ODL, PY3DF, JF3NMU [yamskirz@ybb.ne.jp], 7L2RID, JO7NSW, JH7QDJ [ito-hhd@lapis.plala.org.jp], JE1CFB [je1cfb@ybb.ne.jp], JA1QAV [takada-takyuki@tokyo.email.ne.jp], 7N4FXD [kanjon2@yahoo.co.jp], JE2KZP [salikojp@ybb.ne.jp], JA6BUZ/1, JE2FOE.



Oficiala QSL-karto de 8J1ESP

Tre bedaŭrinde, dum la tuta semajno de la UK propagkondiĉoj estis malbonaj. Mi konstatis, ke malbona propagado ne nur okazas en Eŭropo, sed ĉie. Kvankam mi streĉis miajn orelojn al ĉiuj direktoj, mi neniam aŭdis signalojn tre for de la japanaj insuloj. Mia sola konsolo estis aŭdi KH2-stacion sur 14 Mhz, kiu siavice parolis al usona stacio. Tiu estis la plej malproksima stacio aŭdita sur la bendoj dum mi estis ĉe la kongresa stacio. Tre konvene, sur 21Mhz multaj japanaj stacioj aperis, kaj tiu estis la bendo, kie la plej granda parto de la esperantaj kontaktoj estis faritaj. Ĝi ankaŭ havis la avantaĝon, ke ĝi povis esti uzata de komencantoj por telefoniaj kontaktoj.

Jojo, JA1FXZ, tre vigle laboris ĉe la kongresa stacio. Li ne nur uzis la mikrofonon, sed ankaŭ profitis la okazon per sia tekokomputilo komposti afiŝojn por informi vizitantojn, kaj ankaŭ disponigis sian komputilon por la trafiko de retmesaĝoj kaj krozado sur la reto. Al li ni ankaŭ dankas pro la kreado kaj presado de la bela QSL-karto de 8J1ESP. La sukcesaj kontaktintoj de la kongresa stacio ricevos per ordinara poŝto la oficialan konfirmilon. La manaĝero de 8J1ESP estas JA1FXZ, Joshikacu Tanaka, Minami Karasuyama 2-8, 1-1104, Setagaya-ku, Tokyo 157-0062, Japanio [ja1fxz@yahoo.co.jp]. La skedo de 8J1ESP estis la jena: 31 julio ĝis 4 aŭgusto: Nagano (urbo Takato). 4 aŭgusto ĝis 12 aŭgusto: 92-a Universala kongreso de Esperanto, Jokohamo. Ĝis la 31-a aŭgusto: Tokio, pere de JA1FXZ.

## ILERA-kaso: konteltiro 2006/7: Resumo

Kompleta konteltiro haveblas ĉe la kasisto.

| **DATO** | **RILATAS AL** | | **SALDO €** |
|---|---|---|---|
| 30.06.2006 | ................................ | | 8,17- |
| 30.06.2007 | Luo salono Florenco | 55,00- | 63,17- |
| 30.06.2007 | Kotizo UEA ........... | 57,00- | 120,17- |
| 17.07.2007 | Donaco DJ4PG ...... | 150,00+ | 29,83+ |
| 17.07.2007 | 10-jara kotizo DJ4PG | 150,00+ | 179,83+ |
| 20.08.2007 | Donaco PY3DF ........ | 30,00+ | 209,83+ |
| 05.09.2007 | Kasisto ................ | 16,80+ | 226,63+ |
| 05.09.2007 | R Howard ............. | 16,80+ | 243,43+ |
| **SALDO ĈE UEA:** | ............................ | | 243,43+ |

La kasisto ankoraŭ pluhavas la sumon de £172,00 (britaj pundoj) en la brita konto de ILERA. Ni volas danki al Hans,DJ4PG pro lia malavara donaco kaj frua antaŭpago de lia dekjara kotizo. Ĉiu membro havas la devon pagi almenaŭ sian jaran kotizon ĝustatempe. ILERA estas neprofitdona organizo, kaj ĝi vaste dependas de la kotizoj kaj eventualaj donacoj de siaj membroj por propagandi siajn idealojn.

# ILERA-konkurso 2006 – Rezultoj

**Raportas: Wolf,DL1CC**

Jen mi raportas la rezultojn de la konkurso 2006.

Pro malbonaj eterkondiĉoj kaj neklareco de la reguloj la aktiveco estis sufiĉe malbona. Mi proponas, ke ekde la sekva konkurso validos ankaŭ kontaktoj en CW kaj en ĉiuj lingvoj! Kion vi opinias pri tio?

Landaj radioamatoraj organizoj strikte rifuzas konkursojn en neoficialaj frekvencoj aŭ medioj kiel paketradio, skajpo aŭ ECHOLINK. Tio alfrontas la oficialajn regulojn de IARU [*International Amateur Radio Union*]. Memkompreneble oni povas uzi tiujn mediojn por interkonsenti pri skedoj.

Laŭ la taglibroj ricevitaj, jen estas la rezultoj de la konkurso 2006 laŭ la numero de poentoj:

| RANGO | STACIO | POENTOJ |
|---|---|---|
| 01 | DFØESP | 30 (Venkinto) |
| 02 | DL1CC | 24 |
| 03 | JO1JAM | 13 |
| 03* | UA9YHA | 13 |
| 05 | JA1FXZ | 11 |
| 06 | 7L2RID | 10 |
| 06* | 7N4FXD | 10 |
| 06* | DK3SZ | 10 |
| 09 | DK8RE | 08 |
| 09* | DP5E | 08 |
| 09* | IK2RMZ | 08 |
| 12 | DL2ROE | 07 |
| 12* | F6CLV | 07 |
| 14 | HA7PW | 06 |
| 15 | F5RC | 05 |
| 16 | 7L4JHL | 04 |
| 16* | DO1BKW | 04 |
| 16* | LA8RU | 04 |
| 16* | SQ6R | 04 |
| 16* | UU4JM | 04 |
| 21 | BA5AA | 03 |
| 22 | SM5TIY | 02 |
| 23 | 7N1LYN | 01 |
| 23* | DL7DE | 01 |
| 23* | MØESP | 01 |
| 23* | RAØAN | 01 |

Gratulojn al Wolf,DFØESP!

# ILERA-konkurso 2007

ILERA-konkurso ĉiam okazas la trian semajnfinon de novembro. Ĉi-jare ĝi okazos inter la 17-a kaj 18-a de novembro (Sabate 00:00UTC ĝis dimanĉe 24:00UTC).

**Bazaj reguloj:**

(1) Stacioj kontaktindaj: Ĉiuj, sed raportoj estu prefere en Esperanto!
(2) Bendoj: Ĉiuj, kie ordinara konkurso estas permesata (NE sur 10, 18, 24 Mhz).
(3) Rekomenditaj frekvencoj: niaj ILERA-frekvencoj: (+- 30 kHz)
3.766 / 7.066 / 14.266 / 21.266 / 28.766 Mhz.
(4) Modoj: Ĉiuj (NE validas ECHOLINK).
(5) Raportoj: RS + sinsekva numero, ekz. 59001, 59002, 59003, ktp.
(6) Poentoj: Po unu poento por ĉiu stacio kontaktita sur ĉiu malsama bendo. Ne estas multobligiloj.
(7) Paŭzoj: Sumo de ĉiuj paŭzoj faritaj dum la konkurso: minimume 20 plenaj horoj.

Sendu kopion de via taglibro maksimume post du semajnoj ekde la fino de la konkurso al:

Hans Welling,DJ4PG, ILERA-Konkurso 2007, zum Ortenbrink 42, 49205 Hasbergen, GERMANIO, dj4pg@t-online.de

# Novaj Membroj

IL-601 DK2BEE Bernard Jürgen Schadei, Paplitzer Straße 78b, 12307 Berlin, GERMANIO (10.12.2005)

IL-602 SM5TEY Roland Eriksson, Carl Ugglas V6, 641 37 Katrineholm, SVEDIO (07/2006), roland.eriksson@fro.se

IL-603 SQ6R Reiner Jarsombek, ul. Poznanska, 21/25, 53-631 Wroclaw, POLLANDO (23.10.2006) reiner_j@op.pl

# Ŝanĝoj

IL-376 BD5HAA ŝanĝis sian voksignon al BA5AA.

## Forpasis

IL-033 F9ED Henry Chaisnot (+12.07.2007)
IL-583 I3DGU Attilio D'Attilio (+16.04.2006)
IL-439 DJ2ES Jürgen Foth (+02.09.2006)

## Nova Landa Reprezentanto (LR) en Francio

Renata Chassard-Caubel, F5RC
3, allée Pablo Picasso
47510 Foulayronnes
FRANCIO
renee.chassard@wanadoo.fr

## El nia leterkesto

Estimata Sinjoro,

Koran dankon pro via kondolenca letero sendita al mi okaze de la forpaso de mia edzo Henriko,F9ED. Mi nur havis supraĵan ideon pri liaj aktivecoj sur la radioamatoraj bendoj kaj en la esperanta movado. Bv. transdoni al via membraro miajn plej sincerajn dankesprimojn pro viaj tre konsiderindaj pensoj.

Kun salutoj,
Monique Chaisnot (vidvino)

Estimataj Sinjoroj,
Salutojn!

Mi tre ŝatus ricevi ĝisdatan ILERA-membroliston, prefere pere de interreto.
Mi bone memoras la malnovajn rendevuojn, sed preskaŭ ĉiuj malaperis. Ĉu vi povas sendi informojn pri nunaj rendevuoj al list-gepraf@ref-union.org ? Ĉiuj estas invitataj aboniĝi al tiu dissendo/diskutolisto.
Mi jam de ok monatoj vokas morsakode sur 3.566kHz ĉiun merkredon vespere inter la 19h00 ĝis la 19h30 UTC. Ĉu ekzistas ILERA-diskutejo?
Kun salutoj,
Jacquou,F5SHE jaku75she@tele2.fr

*NDR: Vizitu la grupon de ILERA ĉe YAHOO:*

http://groups.yahoo.com/group/esperanto_amatoroj/

## Sugesta skedo por e-kontatoj

QRG (kHz) 1866, 3766, 7066, 14266, 28766
Alternative: 3640, 14166, 28266, 145.550 FM (e-aranĝoj/kongresoj).

| kHz | Tagoj | UTC | QRM |
|---|---|---|---|
| 14266 | (sab) dim, lun | 12:30 | Eŭropo |
| 14266 | sab, dim | 20:30 | S-Amer |
| 7066 | lun-ven | 07:00 (som) | Francio |
| 7066 | lun-ven | 08:00 (vint) | Francio |
| 3770 (3766) | lun | 17:00 (som) | Eŭropo |
| 3770 (3766) | lun | 16:00 (vint) | Eŭropo |
| 21266 | sab | 22:00, 22:30, 24:00 | Pacifiko |

## Al la Landaj Reprezentantoj (LR)

Mi atentigas al la Landaj Reprezentantoj, ke ĉi tiu estas la lasta bulteno sendita paperforme. La sekvaj bultenoj aperos nur en elektronika formato (.pdf, sed HTML-formato ankaŭ estos havebla [OPEN OFFICE]), kaj estos tuj pretaj por elŝutiĝo el la paĝo de ilera-bulteno (vidu sube). Se iu Landa Reprezentanto ankoraŭ ne havas la teknikajn rimedojn (komputilon, interretan aliron) por havigi la bultenon elektronike, bv. tuj kontakti la sekretarion por aranĝi paperan kopion perpoŝte sendotan. La grafika aspekto de la bulteno ŝanĝiĝis al dukolumna, modelo adtoptata ĝenerale de similaj publikaĵoj. Kvankam ĝi estas redaktata en formato A4 (tuta paĝo), la elpresita versio estu A5 (du paĝoj sur ĉiu flanko de A4 folio). Mi forte rekomendas al la LR uzi la formaton A5 kiel modelon por fotokopiado.

La elektronika versio de ĉi tiu bulteno (.pdf-dokumento) povas esti legata/elŝutata ĉe:

http://ilerabulteno.googlepages.com/bulteno69.pdf

Ĉi tiu bulteno estas havebla paperfome ankaŭ por ne severaj vidhandikapitoj en la formato A4 (tuta paĝo) presita per grasaj literoj. Interesatoj bv. kontakti la sekretarion por registriĝo.

[Ĉi tiu bulteno estis kompostita per la senpaga softvaro WRITER de OPEN OFFICE kaj la hejmpaĝo de ILERA gastas senpage sur GOOGLE]